22a Jaro - No 3 (229) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Marto 1936

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de



REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Poŝtĉeko : No 1337.67 (Wilryck) Por anoncoj : H. PÉTIAU, Gento

FUNEBROJ

## La Esperanta Movado denove trafita

La Morto daŭre falĉas. Statistikistoj kalkulis, ke, je ĉiu sekundo, almenaŭ unu homo mortas en la mondo.

La Esperantistaro kompreneble devas porti sian parton en la kruela ĉiutaga, ĉiumomenta ofero.

Povas tamen ŝajni al ni, ke, en la lastaj, tutlastaj jaroj, la Kruela Morto tro ofte vizitis niajn rangojn.

La Belga Esperantistaro tutspeciale estis trafita per la forrabo, en apenaŭ unu jarspaco, de la Prezidanto pro Honoro kaj la efektiva Prezidanto de Belga Ligo Esperantista.

Ni pro tiuj mortoj suferis, ne nur en nia Esperantista animo, sed ankaŭ tutsimple en nia koro. Temis pri homoj apudaj de ni ; homoj kun kiuj ni kunsidis, kun kiuj ni amike babilis, kaj ne nur pri la movado, sed kiujn ni ankaŭ konis, kiel privataj amikoj.

La perdon ni tial sentis kruele.

Se, en la nunmomenta cirkonstanco, ne temas pri io simila, ni tamen sentas, per la duobla forrabo, kiun ni nun volas priparoli, ke la Esperantisteco ne estas vana vorto ; ke ankaŭ al fremduloj, kiujn ni nur kelkfoje en la vivo renkontis, sed kun kiuj ni parolis nian lingvon de frateco kaj de paco, ni estas ligataj, per eble pli sekretaj sed tial ne pli malfortaj ligiloj.

En unu monato, la Morto forprenis el niaj rangoj tiun, kiu ĝis antaŭ nelonge, estis la estro de nia movado, la prezidinto de la intertempe formetita Internacia Centra Komitato kaj tiun, kiu estis la direktanta animo de ĝi, la ĉefoficisto se vi volas, sed oficisto, kiu konsideris la tutan aferon ne kiel laboron, sed kiel la efektivigon de la idealo, kiu estas la nia.

En la monato de Januaro mortis S-ro John Merchant ; en la monato de Februaro S-ro Robert Kreuz.

La subskribinto ekkonis ambaŭ persone, je la sama okazo : la Universala Kongreso de 1928, en Antverpeno.

S-ro Kreuz jam alvenis, unu monaton antaŭ la Kongreso, por, kun la L. K. K., prilabori la lastajn aranĝojn. Kaj neniu eble pli bone ol ni, krom kompreneble la bedaŭrata amiko Schoofs, povis konstati la grandan laborkapablon de tiu malgranda, dika homo, kiu ŝajnis ĉiam senspira, kiu ĉiam ŝvitis, sed kiu ĉiam, kun granda bonhumoro, kun granda vigleco, ekkomencis la laboron, kiun la matenkrepusko jam alportis al li kaj kiun li, zorge, finlaboradis antaŭ la vesperiĝo.

En diversaj grupoj, oni memoras tre certe pri la vizitoj, kiujn li faris dum tiu restado en Belgujo, kaj ĉie kaj ĉiam la proverba bonhumoro de Kreuz montriĝis neŝanceligebla.

Tamen la morto ŝanceligis ĝin. La lasta jaro, kiu estis por li tre laborplena jaro, eble estis parte kaŭzo, ke la korpo ne havis plu la saman, antaŭan rezistemon.

Li forlasis nin, sed, en niaj rangoj, ĉiuj havas pri li kaj konservos pri li, la plej bonan rememoron.

Kiam S-ro Merchant alvenis al la Kongreso li ne jam estis la estro de nia movado. Estis dum la Kongreso mem ke, post kiam S-ro Privat, en sia belega adiaŭparolado, estis dirinta, ke li ne plu deziris reelekton, S-ro Merchant iĝis la Prezidanto de la plej alta korpuso en nia movado.

Kaj dum la tuta daŭro de la Kongreso, ni havis la okazon sperti, kia gaja sprita gasto ankaŭ estis S-ro Merchant, kia aspekto ja estis tute kontraŭa al tiu de la amiko Kreuz, sed kiu metis en la efektivigo de la laboro saman, sanan bonhumoron.

Ankaŭ pri li, ni povas atesti, ke li kun serioza spirito akceptis la laboron, kiun li, en Stockholmo, nur pro malebleco ĝin daŭrigi, fordonis en aliajn manojn.

Pri li ankaŭ, ĉiuj ni pensos kun kora sento de funebranta bedaŭro.

Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## XXVa Belga Kongreso de Esperanto

**La Louvière 30-31a Majo- 1a Junio 1936**

Sub la Honora Prezidanteco de S-ro VICTOR GHISLAIN, urbestro de la Louvière, kaj la Patroneco de la « Komerca kaj Industria Ĉambro de la Centra Regiono.

Ni ne povas doni en tiu-ĉi numero la programon de nia XXV-a, sed, baldaŭ, nia ilustrita faldfolio ekaperos. Ni sendos tri ekzemplerojn de tiu faldfolio, al ĉiuj aliĝintoj, petante, ke ili bonvolu sendi du ekzemplerojn al amikoj ne ankoraŭ partoprenantoj. Kompreneble ĉiuj, kiuj bonvolos peti nian faldfolion, ricevos ĝin.

Ni ankoraŭ alvokas pri niaj glumarkoj kaj ni memorigas, ke 100 ekzempleroj estos sendataj post pago de 5 frankoj al nia poŝtĉekkonto No 111.910 — XXV-a Belga Kongreso de Esperanto — La Louvière.

**Sepa Listo :**

76. — S-ro Ernest Moulin — Chapelle-à-Watines.
77. — S-ro Franz Deman — Gento
78. — S-ro Camille Cafonnette — Walcourt
79. — S-ro Fernand Penninck — Walcourt
80. — S-ro Marius Geenens — Renaix (Ronse)
81. — S-ro Albert Thooris — Bruĝo
82. — S-ino Marie Boedt — Bruĝo
83. — S-ro Albert Boedt — Bruĝo
84. — F-ino Juliette Boedt — Bruĝo
85. — S-ro Yves Boedt — Bruĝo
86. — S-ro Maes-Dubois — Bruselo
87. — S-ro H. Linseisen — Mijdrecht (Hol.)
88. — S-ro Ch. Martiny — Vottem

*La Loka Kongreso-Komitato*

---

Ĉu via nomo jam aperis tie ĉi ?
Ĉu vi deziras ke ĝi aperu proksimaŭ monaton ?

**SENDU** do tuj 15 Fr. al la P.Ĉ.K. 1119.10 de « XXV-a Belga Kongreso de Esperanto » — La Louvière.

**Helpu la Organizantojn per frua aliĝo !**

---

## LA SPECIALA NUMERO

Malgraŭ nia alvoko en ĉefartikolo, malgraŭ la fakto, ke multaj diris al ni, ke la iniciativo estis tre interesa, ni ne ricevis plenan mendon de 1.000 ekzempleroj de la « Speciala Numero ».

Dank'al la helpemo de ne-konata Mesenaso, ni tamen eldonis ĝin, kaj krom tio, ni aldonas unu ekzempleron de ĝi al la nuna numero de « Belga Esperantisto », tiel ke ĉiu povu havi ideon pri la afero.

Do : por la monato de Marto, ni denove flankenmetas la kompostajon. Se, ĝis la 15-a de la monato, ni ricevas sufiĉajn mendojn por ke ni ne tro peze devu meti la manon en la poŝon de nia amiko, ni denove eldonos, kaj ĉiu tiel povos, malmultekoste, disponi pri interesa propaganda materialo.

Do : la mendoj antaŭ la 15-a !

## Grupa Kalendaro.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

La 7-an de Marto : **GRANDA KABAREDVESPERO**, kun la tuta Verd'Kata-trupo. Neniu forrestu !

La 14-an en la Muzikejo Faes, Schoenmarkt, 16 : Parolado de S-ino Van der Veken-Van Boekel, pri « Dancmuziko », kun muzikakompanado.

La 15-an (Dimanĉon) je la 11-a : kunveno ĉe la enirejo de la entirigejo Schoonselhof. Intima ceremonio sur la tombo de nia Prezidinto Frans Schoofs. La membroj akompanu la Komitatanojn.

La 21-an (Mezfasto) : Intima kunsido.

La 22-an (Dimanĉon), je la 15-a : Festo por la infanoj.

La 25-an (Merkredon), en la festsalono de la Lernejo Quellinstraat : Parolado kun filmoj : « Italujo » — « Svedujo », de nia Nederlanda Samideano S-ro Ravenstein. Ĉiu venu, sed precipe, akompanigu sin de NE-Esperantistoj !

La 28-an : Diplomdisdono al la lernantoj de S-ro Van Dijck. Parolado de S-ro Boffejon, pri « Henriko Ford ».

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin ; KUNVENEJO : Kafejo « Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

*Kunvenoj dum marto ĉiuj en la Sidejo :*

Dum la 1-a horo de ĉiu kunveno (krom la 24-an) : *Kurso por progresantoj* sub gvidado de F-ino Y. Thooris, 2-a ĝis 5-a lecionoj, komenco je la *20-a horo akurate.*

Dum la 2-a horo :

la 3-an : Legado kaj klarigado de Belg. Esp. (Prez. S-ro Ch. Poupeye.

la 10-an : Esperantaj kartludoj. (Prez. S-ro G. Groothaert).

la 17-an : Priparolado de F-ino Maria Van den Berghe. pri « Timo » (Prez. F-ino Y. Hubrecht).

la 31-an : Esperantaj kartludoj (Prez. S-ro G. Groothaert).

*EKSTER PROGRAMO :*

La 24-an (mardon) ejo kaj horo indikotaj per speciala kunvokilo,

Parolado de S-ro Ravenstein el Hago : « La Filmo kiel propagandilo por Esp. »

Prezentado de du filmoj de li faritaj okaze de la lastaj internaciaj kongresoj : « Tra Skandinavujo » kaj « Tra Italujo ».

N. B. Se tiu propono ne povus efektiviĝi, okazus ordinara kunveno en la Sidejo.

N. B. La grupa BIBLIOTEKO estas malfermita ĉiumarde, de la 19, 30-a ĝis la 20-a, en la grupa sidejo. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantajoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, k. t. p.

BRUSELO. — **«Esperantista Brusela Grupo».** — Kunvenejo : «Brasserie du Sac», Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

Dimanĉon, la 1-an de Marto. Ekskurso al Grand Bigard kaj Dilbeek. Rendevuo je la 14 h. 30, Place Communale — Gemeenteplaats, Berchem-Ste-Agathe. Agrabla surprizo atendas vin.

Lundon, la 9-an. F-ino Obozinski gvidos debaton : « Ĉu Vintro, ĉu Somero. »

Lundon, la 9-an. S-ro Hart prezidos.
Lundon, la 16-an. S-ino Elly Staes parolos pri « Kino ».
Lundon, la 23-an. Parolado de S-ro Ravenstein (*vidu temon kaj klarigojn sub* **Antverpeno** *kaj* **Bruĝo**.
Lundon, la 30-an. Teatrajo : « La malfermita Letero », kun la tuta trupo.

## LIEĜO. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.

Mardon, 3-an de Marto, je la 7-a h., en lernejo Hocheporte: ekzameno pri simpla kapableco.
Ĵaŭdon, 5-an, je la 7 1/2 h., en Selessina grupejo : perfektiga kunveno.
Ĵaŭdon, 12-an, je la 7 1/2 h., en Lieĝa grupejo : disdono de diplomoj ; poste perfektiga kunveno.
Ĵaŭdon, 19-an, je 7 1/2 h., en Selessina grupejo : perfektiga kunveno.

## Grupaj Raportoj :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 18-an okazis la ĝenerala jarkunsido de la grupo. S-ro Jaumotte estis ĉirkaŭata, ĉe la estrara tablo, de S-roj Boffejon, vicprezidanto ; Faes, sekretario, De Coster, kasisto, kaj Van Dijck, komisaro.

La Prezidanto tuj klarigis, ke tiu ĉi kunsido ne valoras por tiuj punktoj, kiuj rilatas al la laŭleĝa vivo de la Societo, nome la aprobo de la raportoj, de la bilanco kaj la reelekto de la administrantoj kaj komisaroj, kiuj estas ĉiuj je la fino de sia mandato.

Tiuj punktoj estos, por la decido, pritraktataj ree en sekvonta kunsido.

S-ro Jaumotte tiam bonvenigis F-inon Suzanne Van den Berghe, dankis siajn kunlaborantojn kaj gratulis tiujn, kiuj baldaŭ ricevos la bronzan kaj arĝentan medalojn, pro 10-jara membreco kaj pro merito.

Akiris la unuan : F-ino Jacobs, S-ino Vermuyten-Lacroix, F-ino Yvonne Vander Veken, F-ino Germaine Roost, S-roj Marcel Roost kaj Arm. De Hondt ; la duan : S-ino Lucette Faes-Janssens, kiu estis inter tiuj, kiuj tuj post la milito helpis jam al la restarigo de la grupa vivo ; S-ino J. Vander Veken-Van Bockel, kiu dum diversaj jaroj estis sekretariino de la Societo kaj nun, kun sia edzo S-ro Charles Van der Veken, ankoraŭ ĉiam laboras al la pliagrabligo de la kunvenoj. Tiu ĉi lasta ankaŭ ricevas la medalon, same kiel S-roj Van Dijck kaj Sielens, kiuj, kiel profesoro, ankaŭ meritis la dankemon de ĉiuj.

S-roj Faes kaj De Coster legis la raportojn, post kiam S-ro Van Dijck, nome de la komisaroj, jam proponis al la kunvenantaro la aprobon de la bilanco.

La 25-an sekvis, en la 10-etaĝa salono de la «Torengebouw», la jarfesteno. La tablo estis prezidata, unuflanke, de S-ro Jaumotte, kun, dekstre de li S-ino Kempeneers, S-ro Boffejon, S-ino De Ketelaere kaj maldekstre S-ino Schoofs, S-ro Kempeneers, Prezidanto de Belga Ligo, S-ino Boffejon, S-ro Van Dijck, S-ino Van der Veken. Je la alia flanko, prezidis S-ino Jaumotte, kun dekstre de ŝi, S-ro Faes, F-ino Jacobs, S-ro Vermuyten, kaj, maldekstre : S-ro De Ketelaere, F-ino Jennen, prezidantino de la Brusela Grupo, S-ro Roost, S-ino Faes.

Je la horo de la toastoj, S-ro Jaumotte memorigis pri la funebro, kiu trafis la familion de la Reĝo, Honora Prezidanto de nia nacia organizaĵo. Li trinkis je la sano de la ŝtatestro kaj de liaj infanoj.

Poste la Prezidanto kore dankis G-rojn Kempeneers kaj F-inon Jennen pro ilia vizito, kiu entenas promeson, ke baldaŭ restariĝos la bonaj tradicioj, kiuj ekzistis antaŭ kelkaj jaroj, kaj laŭ kiuj, la grupoj havis pli viglajn pli regulajn kontaktojn.

Li poste ankoraŭfoje dankis ĉiujn, kiuj, en la daŭro de la jaro iele helpis al la vivigo de la grupo : ĉiujn estraranojn, komitatanojn, profesorojn kaj regulajn ĉeestantojn. Kaj inter ili, la Prezidanto volis speciale danki la ulinojn, kiuj ĉiam tiel multnombre partoprenas la grupan vivon. Li tial trinkis je ilia sano kaj demandis la permeson tion fari, proponante la toaston je la bonfarto de S-ino Schoofs, la unua inter ili.

S-ro Kempeneers, nome de Belga Ligo, diris la plezuron kun kiu li venis Antverpenen. Li faris alvokon por ke ĉiu helpu al la daŭrigo de la propagando kaj ankaŭ esprimis la esperon je pli regulaj rilatoj inter ĉiuj Esperantistoj. Li gratulis S-ron Jaumotte, por la laboro, kiun li faras kiel direktoro-kasisto en « Belga Ligo », kiel Prezidanto en « La Verda Stelo ».

S-ro Vermuyten legis speciale kunmetitan spritan poeziajon kaj poste la festo daŭris ankoraŭ, ĝis tre malfrue en la plej gaja dancatmosfero.

La 1-an de Februaro, ne okazis kunveno, ĉar multaj membroj ĉeestis la balon de la « Amikaro de Infanoj de Militintoj », kiu tre bele sukcesis kaj dum kiu, oni anoncis la Esperanto-kurson.

La 8-an okazis la laŭleĝa dua jarkunsido, dum kiu oni oficiale aprobis la raportojn, legitajn dum la antaŭa kunsido, oni kvitigis la administrantaron kaj reelektis ĝin : La Administrantaro konsistas el S-roj Jaumotte, prezidanto ; Boffejon, vicprezidanto, Faes, sekretario ; De Coster, kasisto; De Ketelaere, Vermandere, De Hondt, Van der Veken kaj Van den Bossche kaj la komisaroj estas : S-ro Van Dijck kaj S-inoj Faes kaj Van der Veken. La estraro konsistas el ambaŭ korpusoj, al kiuj oni aldonas S-inon Schoofs, honoran membrinon F-inon Jacobs kaj S-rojn Vermuyten kaj Sielens, geprofesorojn.

Dum la sama vespero, okazis la diplomdisdono al F-ino Yvonne Eyndonck (granda merito) kaj al S-ro E. Wouters (merito), kiuj sekvis kurson gviditan de S-ro Sielens, malhelpata pro dejoro.

Plie S-inoj Boeren, Faes kaj Van der Veken kaj S-roj Amerycks kaj Boeren zorgis por plej bela koncerto, kiun ili tamen reaŭdigos, en pli favoraj cirkonstancoj.

La Prezidanto kore gratulis la diplomitojn kaj dankis la koncertintojn.

La 16-an, S-ro Faes faris bonegan prelegon pri la fabrikado de muzikinstrumentoj kaj multaj membroj montris sian intereson per diversaj demandoj, al kiuj zorge respondis la parolinto kiun S-ro Boffejon kore dankis.

BRUĜO. — **« Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo.** —La kunveno de la 21-a de Januaro estis dediĉata al ripetado de kantoj kaj dancoj por la festo de la 26-a.

La 26-an, je la 16 1/2-a okazis en la grupa sidejo la solena enoficigo de S-ro Sylvain Dervaux, kiel Honora Prezidanto. Pli ol 200 personoj plenigis la salonegon, inter kiuj diversaj eksterurbaj gesamideanoj. Oni rimarkis inter aliaj : Ges-rojn P. Kempeneers, Ges-rojn L. Cogen, S-ron Pétiau, F-inon Jennen, S-ron Swinne kaj aliajn delegitojn el Bruselo, Gento, Ostendo, Knocke, Cortemark, Ghistel kaj Mouscron. Post inaŭgura subskribo de la Ora Libro, komenciĝis la festo per alparolado de F-ino Y. Thooris, Prezidantino, kiu rememorigis la altajn meritojn de la festheroo. S-ro Sylvain Dervaux, efektive jam antaŭ 25 jaroj, kiel disĉiplo de S-ro A.J. Witteryck, fondis grupon en Caprycke (Or. Fl.) kaj post la milito revivigis la Bruĝan Grupon, en kiu li estis sinsekve sekretario-kasisto, prezidanto, honora vicprezidanto kaj de Decembro 1934 Honora Prezidanto. (Malsano malhelpis, ke lia solena enoficigo okazu pli frue.) Krom tio, li kun nekomparebla sindonemo gvidis la grupajn kursojn dum deko da jaroj, kaj formis tiel centojn de esperantistoj. Lia plej malnova lernantino, F-ino Alice Boereboom, proponis al li, nome de la grupo, belan ekzempleron de « Originala Verkaro de D-ro Zamenhof », dum floroj estis prezentataj de la gefiletoj de la vicprezidanto : Karlo kaj Yvonne Poupeye, al S-ino Dervaux, la ĉiama inspirantino de la Honora Prezidanto. La festo tiam daŭriĝis laŭ sekvanta programo : ĥora kantado — 3-a reprezentado de « Nubetoj », unuakta teatrajo de Lucette Faes-

Janssens, en kiu ludis : F-inoj Yvonne Thooris, Yolande Hubrecht, Corrie Leibrandt, Cécile Volckaert, Suzanne De Kersgieter, S-ino Alice Stroobandt, kaj S-roj Jef Decoster, Gustave Dotselaere, François de Bel kaj Vital Jéhansart. — Sekvis kantoj de F-ino Alice Boereboom — kaj ludado de « L'Indispensable » plurlingva triakta komedio de Marie de Bruges, en kiu ludis : S-ino Gabrielle Poupeye, F-ino Yolande Hubrecht, kiu meritplene anstataŭis F-inon Juliette Boedt malhelpatan pro malsano ; F-ino Yvonne Thooris, kaj S-roj Julien Roose, Jef Decoster, Charles Poupeye, Gustave Dotselaere kaj Vital Jéhansart. Ĉiuj geaktoroj el ambaŭ teatrajoj akiris meritītan sukceson. Ni tamen aparte menciu : F-inon Corrie Leibrandt, kiu vivigis trafan karikaturon de angla strangulino, F-inon Y. Hubrecht kiel sentoplena « Anjo », S-ron Dotselaere, kiu en ambaŭ komedioj montriĝis nekomparebla komikulo kaj S-ron Jef Decoster, kiu post nuancriĉa ludado en « Nubetoj » kreis en « L'Indispensable » neforgeseblan figuron de angla pastro. — Tiam sekvis plej amuza balo, dum kiu le bela *Baleto de la Verdaj « Gilles »*, sub direkto de S-ro P. De Vooght, akiris grandan sukceson.

La ĝenerala laŭstatuta jarkunsido de la grupo okazis la 28-an en Sidejo, en ĉeesto de kvardeko da gemembroj, kiuj ĉiuj ricevis ekzempleron de la nove presita « Statuto ». Multaj anoj senkulpiĝis pro malsano. Post elokventa morala raporto de F-ino Thooris, Prezidantino, sekvis detala analizo de la grupa aktiveco dum 1935 de la Sekretario S-ro G. Grootbaert. Financa raporto de S-ro E. Guillaume montris sanan kasstaton, post kio S-ro Ch. Decoster, bibliotekisto, konstatis ke la grupanaro ne sufiĉe uzas la bibliotekan servon. Post tiu serio da raportoj, la ĉeestantaro aprobis per starado la komitatan administradon dum 1935, kaj laŭ propono de S-ro R. Groverman, tuj reelektis sammaniere la estrantan komitaton. Pluraj interesaj proponoj pri estonta agado estis poste aprobataj. Ĉiuj ĉeestantoj subskribis fine la Oran Libron.

La 4-an de Februaro en la Kunvenejo, okazis vespermanĝo je mitulo kaj fritaj terpomoj. Tre gaja humoro regis inter la kvindek partoprenantoj ankoraŭ pliaktivata per la gajaj kantoj kaj spritajoj de S-roj Guillaume, Dotselaere, Rombauts kaj Jef Decoster.

La 11-an malfermiĝis en la Sidejo nova kurso por progresantoj, sub gvidado de F-ino Y. Thooris kaj ĉeestata de 40 gemembroj. Post tre interesa leciono, la fino de la vespero estis dediĉata al diversaj aranĝoj kaj intima interparolado.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Sepdek personoj ĉeestis la jaran feston de Brusela grupo la 20-an de Januaro. La festkomitato, kiun gvidis S-ro Jacobsohn plene sukcesis amuzi la ĉeestantaron.

S-ro Centnerzwer, inĝeniero el Valenciennes, faris provlecionon de sia rekta metodo. S-inon Staes kaj S-ron Sadovski lerte akompanis S-ino Grünebaum, pianistino, en tre aplaŭditaj kantoj. La komedieto : « Pro Dio, ne esperantiston », tre gaje ludis S-ino Plyson, kaj S-roj Castel, Hart kaj Jacobsohn. Ni ne povas citi ĉiujn personojn, kies helpo agrabligis la vesperon. S-ro de Regt tiun tutan propagandfeston komentariis... en kvin lingvoj por kontentigi la plej postulemajn. Post tio, oni dancis ĝis la « etaj » horoj.

Dimanĉon, 9-an de Februaro posttagmeze, la Grupo, gvidata de Fraŭlino Kestens, verdigis la arbaron, en Watermael. Tiu promenado tiel plaĉis, ke oni petis F-inon Kestens organizi *Ekskurson la unuan dimanĉon de ĉiu moŭato.*

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».** — La 12-an de Februaro, la grupo malfermis novan kurson por dekduo da gelernantoj. Ĝi estas gvidata de S-ro Deman, Kasisto de la grupo.

La semajnaj kunvenoj okazis regule ĉiumerkrede en la lernejo. Ili estis agrabligitaj per konkurso pri vortformado kaj ankaŭ per kantlecionoj. S-ino Lacroix bonvoleme gvidas tiujn kunsidojn.

La duan jaŭdon de ĉiu monato la membroj kunvenas ĉe S-inon Lacroix, 223, Strato de Kortrijk'o.

Dum tiu kunveno oni pristudas la grupan vivon kaj la rimedojn por ĝin prosperigi.

Ĉiuj grupanoj estas kore petataj ĉeesti regule la kunvenojn.

LIEĜO. — **Societo Lieĝa por la Propagando (Lieĝo, Chenée, Selessin).** — La 28-an de Januaro finiĝis la kurso en Hocheporte kun 5 lernantoj, kiuj faros ekzamenon, la 3-an de Marto.

Intertempe okazis la ĝeneralaj kunvenoj de la grupoj ĉe kiuj estis prezentataj la finjaraj raportoj kaj reelektataj la diversaj komitatanoj.

La perfektigaj kunvenoj siaflanke okazis regule, kun la kutima sukceso, laŭ la anoncitaj programoj.

La 16-an de Februaro S. L. P. E. havis ĝeneralan kunvenon, sekve de kiu, ĝia komitato nun konsistas el S-roj Baiwir (prezidanto), Bissot (Vicprezidanto), Dechesne (Sekretario), F-ino Baiwir, S-roj Leroy, Denise (efektivaj komitatanoj), Magotteaux, Martiny, Goyen, Ponthir, Lallemand (komitatanoj anstataŭantoj). Tiu ĝenerala kunveno lasis al la ĉeestantoj plej bonan impreson pri la nuna stato de la afero kaj plej grandan fidon pri estonteco.

## Familia Kroniko.

### NEKROLOGOJ

Bruĝa Grupo anoncas kun granda malĝojo la morton de du el siaj fidelaj membrinoj : F-ino Rachel DIZIER († 2/2/36) kaj S-ino Paul DE LESCLUZE († 7/2/36). Plej sincerajn kondolencojn.

### NASKIĜO

Kun ĝojo, ni sciiĝis pri la bona alveno en nian mondon de Filineto Johanino, ĉe G-roj Morris De Ketelaere, Antverpeno. Korajn gratulojn.

## DONACOJ

Regule ni faras alvokon, por ke ni ricevu donacojn, kiuj helpos nin ekvilibrigi, alimaniere neekvilibregajn financojn.

Tiu alvoko tamen ne estas bone priatentata kaj, fakte, ni, jam de multaj monatoj, nur ankoraŭ ricevis « soldojn » de la Bruĝa Grupo.

Ni tial ne havis plu la kuraĝon, konservi nian rubrikon specialan. Tamen iamomente, ni devas kvitigi eĉ la plej malgrandajn donacojn.

Ni do diras, ke, de Oktobro 1934 ĝis Januaro 1936, la Bruĝa Grupo havigis al ni, kun horloĝa reguleco, sumetojn de Fr. 5.—

De la lasta kvitigo ĝis nun sume : Fr. 80.—

Ni esperas, ke, proksiman monaton, ni povos mencii, krom la nova « soldo » aliajn envenintajn sumojn.

## La Belga Konstitucia Leĝo

**La aperigo de la lastaj artikoloj estas pro lokmanko prokrastata ĝis proksima numero.**

# Tra la Mondo.

**L'Esperanto et le Tourisme.**

Le Comité de la Foire Commerciale de Paris vient d'éditer une belle brochure en couleurs : « Parizo dum Printempo » (Paris au Printemps).

**L'Esperanto dans les Ecoles.**

Suivant une récente statistique, l'enseignement de l'Esperanto a lieu, soit obligatoirement, soit facultativement, dans environ mille écoles, dans plus de 60 pays différents.

**La littérature esperantiste.**

Jusqu'ici, parurent en librairie, plus de 10.000 livres en Esperanto. Il s'agit ici, en partie, d'œuvres originales, et, en partie, d'œuvres traduites.

**L'esperanto et la Radio.**

Dans ses émissions destinées à l'étranger, le gouvernement brésilien emploie, depuis quelque temps déjà, l'Esperanto, à sa station pour ondes courtes P & R. F.

**L'Esperanto au Japon.**

Le Japon qui a déjà édité tant de matériel de propagande touristique vient de faire paraître un nouveau prospectus. Il s'agit d'un dépliant «Gvidfolio por Vojaĝantoj en Manĉoŭkŭo» (Guide pour les Voyageurs au Mandchéokouo).

**L'Esperanto à la Foire de Lyon.**

En vue de la Foire internationale d'Echantillons, qui aura lieu à Lyon du 5 au 15 mars prochain, le Comité a décidé d'éditer une série de 24 cartes vues différentes avec textes en Esperanto.

**L'Esperanto dans le Commerce.**

Les grandes fabriques de porcelaines Lomonsov, en Russie Soviétique, ont décidé d'employer l'Esperanto dans leurs relations avec l'étranger.

**L'Esperanto et la presse mondiale.**

Le quotidien « Suomen Sosialidemokraatti » (Helsingfors, Finlande) publie régulièrement une chronique en Esperanto.

Le Bulletin des Amis de l'U. R. S. S., édité en Hollande, contient aussi une rubrique esperantiste.

En Tchécoslovaquie, la revue mensuelle «Nesicnj Zoravodaj» traite de sujets pédagogiques en Esperanto.

**L'Esperanto aux Chemins de fer.**

La Direction des P. T. T. d'Autriche vient de décider de mentionner aussi en Esperanto les informations, se trouvant dans le Guide des Chemins de Fer et dans celui des autobus.

**L'Esperanto en Grèce.**

Dans les Ecoles Moyennes d'Athènes, 462 élèves suivent des cours d'Esperanto.

**L'Esperanto aux Pays Bas.**

La Fédération des Sociétés néerlandaises pour les Relations avec les Etrangers a édité une brochure en Esperanto : « La Lando de Rembrandt ».

**L'Esperanto et la Jeunesse.**

Au congrès international des Auberges pour Jeunes Gens, qui a eu lieu en Pologne, la délégation française a proposé l'emploi de l'Esperanto.

**L'Esperanto en Roumanie.**

La Chambre de Commerce et d'Industrie de Boucarest a prévu plusieurs chapitres en Esperanto, dans sa « Liste des Représentants de Commerce de Boucarest ».

**L'Esperanto dans la Principauté de Monaco.**

Le « Grand Hôtel des Etrangers » de Monaco emploie l'Esperanto dans ses relations avec sa clientèle. Il a édité un prospectus en Esperanto.

**Esperanto en Toerisme.**

Het Comiteit van de Handelsbeurs van Parijs heeft een mooie brochuur uitgegeven in kleurendruk « Parizo dum Printempo » (Parijs tijdens de Lente).

**Esperanto in de scholen.**

Volgens de jongste statistieken, wordt onderwijs in Esperanto verstrekt, 't zij verplichtend, 't zij vrij, in ongeveer duizend scholen, verspreid in meer dan 60 verschillende landen.

**De Esperanto-literatuur.**

Tot hiertoe verschenen in den handel méér dan 10.000 werken in Esperanto. Het gaat hier gedeeltelijk, om oorspronkelijke, gedeeltelijk, om vertaalde werken.

**Esperanto en Radio.**

In de uitzendingen, bestemd voor het buitenland, gebruikt de Braziliaansche regeering, sedert geruimen tijd reeds, het Esperanto, in het zendstation met korte golven van P. & R.F.

**Esperanto in Japan.**

Japan, dat reeds zoo veel propaganda-matericel voor Toerisme uitgaf in Esperanto, heeft nu weer een nieuw prospectus doen verschijnen. Het gaat hier, om een vouwblaadje getiteld : « Gvidfolio por Vojaĝantoj en Manĉoŭkŭo » (Gids voor de Reizigers in Mantsjeoukowo).

**Esperanto in de Handelsbeurs van Lyon.**

Met het oog op de Internationale Monster-tentoonstelling, die te Lyon zal plaats hebben, van den 5 tot den 15 Maart a. s. heeft het Comiteit besloten een reeks van 24 verschillende zichtkaarten uit te geven met tekst in Esperanto.

**Esperanto in den Handel.**

De groote Porselein-fabrieken Lomonsow, in Sovjet-Rusland, hebben besloten Esperanto te gebruiken, in hun betrekkingen met den vreemde.

**Esperanto en de Wereldpers.**

Het dagblad « Suomen Sosialdemokraatti » (Helsingfors-Finland) kondigt regelmatig een Esperanto-kronijk af.

Het Bulletijn der Vrienden van Sovjet-Rusland, dat in Nederland wordt uitgegeven, bevat ook een Esperanto-hoekje.

In Tsjechoslovakije, handelt het maandblad « Nesicni Zoravodaj », in Esperanto, over paedagogische onderwerpen.

**Esperanto op de Spoorwegen.**

Het beheer der P. T. T. van Oostenrijk heeft besloten, ook in Esperanto de vermeldingen op te geven, in den Gids der Spoorwegen en in dezen der Autobussen.

**Esperanto in Griekenland.**

In de middelbare scholen van Athene, volgen 462 leerlingen cursussen van Esperanto.

**Esperanto in Nederland.**

Het Verbond der Nederlandsche Maatschappijen voor Vreemdelingenverkeer heeft een brochure in Esperanto uitgegeven, getiteld : « La Lando de Rembrandt ».

**Esperanto en de Jeugd.**

Tijdens het Wereldcongres van de Jeugdherbergen, dat in Polen gehouden werd, heeft de Fransche afvaardiging het gebruik van Esperanto voorgesteld.

**Esperanto in Roemenië.**

De Handels- en Nijverheidskamer van Boekarest heeft verschillende hoofdstukken in Esperanto voorzien in de « Lijst der Handelsvertegenwoordigers van Boekarest. »

**Esperanto in het Prinsdom Monako.**

Het « Grand Hôtel des Etrangers » te Monako gebruikt Esperanto voor zijn betrekkingen met zijn clienteel. Het heeft een prospectus in Esperanto uitgegeven.

# Esperanto facila

## PROPAGANDO

FLAM *(simpatie)* Jam de longe mi ne vidis vin, S-ro Stel!

STEL *(lace)* Jes, mi estis tiom okupita per la enspezo de la kotizoj...

FLAM ??

STEL *(klarige)* Jes, de nia Esperanto-organizo. *(Veke)* Sed kial vi ne ankoraŭ estas Esperantisto, S-ro Flam? Tiel praktika homo kiel vi! Jen, ilustrita poŝtkarto el Abesinio. Ĉu ne bela poŝtmarko? Rigardu la Esperantan tekston.

FLAM *(seninterese)* Jes, bela. *(plivigle)* Mi scias ke Esperanto estas forta levilo por la homa kulturo. La homaro glitas en la abismon, la moroj sovaĝiĝas...

STEL *(fervore)* Esperanto estas ja universala rimedo. Jen anonco en Esperanto-gazeto el Ĝenevo: kuracilo kontraŭ kalvo *(deprenante la ĉapelon)* Efike, Sinjoro! Efike!

FLAM *(deklame)* « Kapo malsaĝa nek griziĝas nek kalviĝas » Tro nigre densa estas la hararo homara. La homo marŝas indiferente sur vojo danĝerigita per kaptiloj...

STEL *(inteligente)* Vi scias, mi fabrikas kaptilojn, ratkaptilojn. Vi ne povas imagi, kiom da rilatoj komercaj oni akiras per Esperanto.

FLAM *(senkulpige)* Se mi havus pli da tempo... Sed tamen...

STEL *(ĝoje)* Venu al la dua leciono de nia kurso, S-ro Flam. Vi dankos min poste. Tre facila lingvo, belsona, nur dek kvar lecionoj!

FLAM *(promese)* Vere mi venos. Mi devas partopreni en ĉiu porhoma movado. Adiaŭ!

TYN.

**Rimarko.** — En la antaŭa dialogo la Instruanto parolis erare pri la « **sufikso** » **ge.** Estis « lapsus » pardonebla al Esperanto-profesoro.

T.

# Karnavala okazintaĵo

En la flandra parto de nia lando ekzistas kutimo, laŭ kiu, dum la karnavaltagoj, oni enŝlosas la gepatrojn, la amikojn, k. t. p. La rezulto estas ke la enŝlositaj personoj donacas iajn dolĉaĵojn, sukeraĵojn aŭ eĉ pli valoraĵn donacojn. Tio okazas sabate por la virinoj, dimanĉe por la viroj, lunde por la fraŭlinoj kaj marde por la fraŭloj. Tiuj tagoj estas tiurilate nomataj en flandra lingvo: « Vrouwtjes Zaterdag, Mannekens Zondag, Meisjes Maandag » kaj « Knechtjes Dinsdag. »

En la firmo kie mi laboras estas du filinetoj ĉarmaj, kiuj sekvas regule tiun kutimon kaj ankoraŭ plie ŝatas ĉokoladon. Ĉiuj en la domo estis jam enŝlositaj kaj nun alvenis mia vico. La filinetoj ne tre bone sciis kiel fari kaj fine la pli juna diris:

— « Fraŭlino, ĉu ci ne bezonas eliri la magazenon? »

Mi respondis: « Ne »... sed tamen iom pli malfrue mi eliris.

Apenaŭ mi transpaŝis la sojlon, kiam mi aŭdis fermi la pordon bruege post mi kaj du voĉetoj « gajaj » kiuj tre afable diris:

— « Fraŭlino, kion vi donos al ni? »

Mi respondis: « Mi donos dikan kison. »

— « Ho! » ili respondis iom mallaŭte kaj ili certe opiniis ke ili ĉiutage havigas al si tiom da kisoj kiom ili volas.

Mi rediris ŝercante: « Ĉu eble vi preferus iom da ĉokolado? »

— « Jes, Jes! » ili ekkriis saltante kaj ridegante kaj tuj malfermis la pordon.

Estus dezirinde ke tiu kutimo ne perdiĝu kaj plie certe interese por ekscii ĉu ankaŭ aliloke oni ĝin praktikas.

L. LESCRAUWAET.

# La Gazetaro parolas...

**Redaktas: H. A. R. S.**

**Zamenhof-stratoj.**

La urbaj konsilantaroj de Houilles (Seine-et-Oise), Perpignan (Pyrénées Orientales), Thiers (Puy-de-Dôme) kaj Liévin (Nord) decidis nomi « Strato Zamenhof » unu el la stratoj de tiuj urboj.

**Jubileo.**

La Csch (ĉe) Instituto festis antaŭ kelkaj monatoj, sian 5-jaran ekziston. Jen kelkaj rezultatoj atingataj de tiu ĉi Institucio: 40.000 gelernantoj partoprenis kurson, 400 profesoroj instruas Esperanton en 35 diversaj landaj laŭ metodo Csch kaj 40 propagandistoj vojaĝas de unu lando al alia.

**Esperanto kaj la internacia Gazetaro.**

La ĉiutaga jurnalo « Suomen Sosialidemokraatti » (Finlando-Helsinki) publikigas Esp-o-kronikon.

Esperantista Rubriko aperas regule en la « Bulteno de la amikoj de la U. R. S. S. » en Holando.

En Ĉeĥoslovakujo la ĉiumonata gazeto «Mesiĉni Zpravodaj» publikigas pri-pedagogiajn artikolojn.

**Esperanto en la Turismo.**

En Italujo eldoniĝis bela gvidlibro pri Napolo kaj Pompeo, en la lingvoj Franca, angla, itala kaj esperanta.

La Oficejo por Fremdultrafiko de Oslo (Norvegujo) eldonis tre interesan libreton: « Oslo en unu semajno ».

Eldoniĝis la oficiala Gvidlibro tra Diksmudo: Ĝi enhavas Esperanto-parton.

**Esperanto sur la Fervojoj.**

La Direkcio de la P. T. T. de Aŭstrio decidis presi ankaŭ en Esperanto, la informojn en la Gvidlibro de la Fervojoj kaj Aŭtobusoj.

**Esperanto en Grekujo.**

En la Mezgradaj Lernejoj de Ateno, 462 lernantoj sekvas kursojn de Esperanto.

**Esperanto en Nederlando.**

La Federacio de la Nederlandaj Societoj por Trafiko kun Fremduloj eldonis broŝuron en Esperanto « La Lando de Rembrandt ».

**Esperanto kaj la Junuloj**

Dum la Universala Kongreso de la Junularaj Gastejoj, kiu okazis en Polujo, la franca delegacio proponis la uzon de Esperanto.

**Esperanto en Rumanujo.**

La Komerc- kaj Industria Ĉambro de Bukaresto antaŭvidis diversajn ĉapitrojn en Esperanto en sia «Listo de la Komercaj Reprezentantoj de Bukareŝti ».

**Esperanto en la Princlando Monako.**

La « Grand Hôtel des Etrangers » en Monako uzas Esperanton por siaj rilatoj kun la klientaro. Ĝi eldonis prospekton en Esperanto.

**Tendaro.**

La XIII-a tendaro de SEL okazis en julio en la kadro de la Jubilea Nacia jamboreo de polaj skoltoj en Spala. La SEL-programo estis do oficiale enmetita en la jamborea programo. — La SEL-kunvenojn ĉeestis pr. 150 geskoltoj esp.istaj el 7 diversaj landoj. Specialan gratulon al hungara, ĉeĥoslovaka kaj latva karavanoj, kie estis preskaŭ 10 % da esp.istoj. Ankaŭ estas notinde, ke ĉiuj anoj de la pola skolttrupo parolas Esp.-on. La norvega skoltfrato Agnar Gronli (el Steinkjer) biciklis tra 5 landoj. — Alvenis 150 saluttelegramoj kaj leteroj el ĉiuj mondpartoj. Okazis multaj fakkunvenoj. Je la fino de la konferenco oni faris diversajn rezoluciojn. La Esperanto-ekspozicio estis unu el la plej belaj kaj interesaj dum la jamboreo.

(*Laŭ « Skolta Bulteno »*).

**Esperanto kaj Radio.**

La komitato de la Komerca Foiro de Parizo eldonis belan koloritan broŝuron « Parizo dum Printempo ».

**Esperanto en la lernejo.**

La instruado de Esperanto, parte deviga, parte nedeviga, okazas en proksimume 1000 lernejoj en pli ol 60 landoj de la mondo.

**Esperanto-Verkoj.**

Jam diversaj statistikoj pri la verkoj aperintaj en Esperanto, originalajoj, tradukoj ĉiuspecaj estis farataj. Lasta statistiko tia fiksas la nombron de tiuj eldonaĵoj ĝis nun je 10.000.

**Esperanto kaj Radio.**

Jam de longe la Brazila Registaro aplikis Esperanton en siaj poreksterlandaj elsendoj de la mallongonda stacio P.R.F.

**Brajla Programo.**

Por blinduloj la monata bulteno de la ĉeĥaj stacioj estas eldonata en punktoskribo, kio sendube estos granda ĝojo por niaj blindaj samideanoj.

**Esperanto en Japanujo.**

Japanujo kiu en la lasta tempo jam aldonis plurajn specimenojn al nia turisma propagandmaterialo liveris novan faldprospekton : Gvidfolio por Vojaĝantoj en Manĉoŭkŭo » Ĝin eldonis kaj senpage disponigas : Sud-Manĉuria Kompanio (S. M. R.)

**Esperanto kaj la Komerco.**

La tre grandaj porcelanfabrikoj « Lomonsov » en Sovetio ekuzas Esperanton porofice.

**Esperanto en la Foiro de Lyon.**

Por la internacia specimenfoiro en Lyon (5-15 marto 1936), la Komitato decidis eldoni serion de 23 diversaj bildkartoj kun teksto en Esperanto.

# Bibliografio

*JEROME K JEROME : TRI HOMOJ EN BOATO, NE FORGESANTE PRI LA HUNDO. Tradukis el la angla : G. Badash — 1935. 256 pĝ. — Prezo : broŝ. : sv. fr. 4.— ; bind. : sv. fr. 5,70 — La unua libro de la beletr. serio de AELA 1935.*

*Eldonis literatura Mondo — Budapesto.*

Al ĉiuj Esperantistoj kiuj povas alte taksi kaj ŝati la veran anglan humoron tiu ĉi verko certe alportas grandan ĝojon. Efektive ĝi estas la plej bona verko, tutmonde konata kaj en multajn lingvojn tradukita, de unu el la tipaj anglaj humoristoj.

**ATENTU !** **Ĉiuj ĉi-supre recenzitaj aŭ menciitaj libroj estas aĉeteblaj ĉe Belga Esper.-Instituto. Willemsstr., 21 Antverpeno.**

## LITERATURA MONDO

### Grava Malpliiĝo de prezoj

Post apero de nia prezlisto en la Februara numero de BE, ni ricevis de « Literatura Mondo » la ĉi suban novan prezaron, kiu montras prezo-malaltiĝojn el kiuj kelkaj atingas eĉ pli ol 50 %.

| | Broŝ. | Bind. |
|---|---|---|
| *Plena Gramatiko de Esperanto.* K. Kalocsay — | | |
| G. Waringhien. Fr. | 66.— | 78.— |
| Luksa eldono . . | | 90.— |
| *Enciklopedio de Esperanto.* Du volumoj . . | 198.— | 225.— |
| *Hura.* Julio Baghy. Originala Romano . . | 66.— | 76.— |
| *Viktimoj.* Julio Baghy. Originala Romano. . | 27.50 | 34.— |
| *Dancu Marionetoj.* Julio Baghy. Origi. Romano | 14.— | 20.— |
| *Preter la Vivo.* Julio Baghy. Originala Romano | 16.50 | 24.— |
| *Eterna Bukedo.* K. Kalocsay. . . . . . | 55.— | 66.— |
| *Infero.* Dante — Kalocsay . . . . . . | 55.— | 66.— |
| *Hungara Antologio* . . . . . . | 77.— | 87.— |
| *La Tragedio de l'Homo.* E. Madach - K. Kalocsay | 23.— | 35.— |
| Luksa. . | 29.— | 40.— |
| *Strečita Kordo.* K. Kalocsay. . . . . . | 27.— | 35.— |
| *Romaj Elegioj & La Taglibro.* Goethe — | | |
| K. Kalocsay | 17.— | 23.— |
| *Rimportretoj.* K. Kalocsay . . . . . . | 9.— | 15.— |
| *Lingvo, Stilo, Formo.* K. Kalocsay . . . | 12.— | 22.— |
| *Parnasa Gvidlibro.* K. Kalocsay . . . . . | 22.— | 30.— |
| *Pri l' Moderna Arto.* S. Grenkamp & Jan | | |
| Brzekowski | —.— | 23.— |
| *Mr. Tot aĉetas mil Okulojn.* Jean Forge . . | 27.50 | 35.— |
| *Trans la Fabeloceano.* Fr. Szilâgyi . . . | 22.— | 30.— |
| *El la Notlibro de Praktika Esperantisto.* | | |
| K. R. C. Sturmer | 16.50 | 23.— |
| *De Paĝo al Paĝo.* L. Tosche . . . . . . | 20.— | 26.50 |
| *Turstrato 4.* Hans Weinhengst . . . . . | 24.— | 32.— |
| *Homoj sur la Tero.* Stellan Engholm . . . | 24.— | 32.— |
| *Infanoj en Torento.* Stellan Engholm . . . | 13.— | 20.— |
| *La Sorĉistino el Kastilio.* Salom Asch — | | |
| I. Lejzerowicz | 22.— | 30.— |
| *Mia Vojaĝo en Sovetio.* Antoni Slonimski — | | |
| S. Grenkamp | 16.50 | 24.— |
| *Fine mi komprenas la radion.* E. Aisberg . . | 31.— | 41.— |
| *Cezaro.* Mirko Jelušić. Trad. Ivo Rotkvić . . | 59.50 | 67.— |
| *La Juda Ŝtato.* Dr. Th. Herzl. Trad. Bernard | | |
| Selzer | 20.— | 27.50 |
| *Pilgrimo.* Julio Baghy . . . . . . | 16.50 | 23.— |
| *Vivo de Arnaldo.* Mussolini. Trad. K. Kalocsay . | 14.— | 21.— |
| Luksa. . | 16.50 | 27.50 |
| *Poemaro el Hungarlando.* F. Szilâgyi . . . | 11.— | —.— |

| | | | |
|---|---|---|---|
| *La Pentroarto en la Malnova Hungarujo.* | F. Szilagyi — Genthon | 66.— | 99.— |
| *Vojaĝo en Faremidon.* Tosche — Karinthy | | 8.— | —.— |
| *Dekdu Poetoj.* Tosche | | 16.50 | 27.50 |
| | Luksa | 20.— | 33.— |
| *Amo de Toojuuroo.* Kikuĉi — Ŝimomura | | 8.— | —.— |
| *Auli.* Adamson | | 11.— | 19.— |
| *Ĉehoslovaka Antologio.* Kamaryt — Ginz | | 77.— | 87.— |
| *Interpopola Konduto.* E. Privat | | 20 — | 28.50 |
| | Luksa | —.— | 38.50 |
| *Tri Homoj en Boato.* Jerome K. Jerome. Trad. | Badash | 31.— | 39.50 |
| | Luksa | —.— | 49.50 |
| *Arthistorio I.* Hekler — Kalocsay | | 69.— | 78.— |
| *Arthistorio II.* » » | | 80.50 | 91.— |
| | Luksa | 90.— | 103.50 |

Por Aela-Membroj : 20 % malpli.
Mendu ĉe : Belga Esperanto-Instituto K. S., Antverpeno. (Agento por Belgujo).

En la prezlisto de niaj propraj eldonajoj eniĝis kelkaj eraroj. Ni donas ĉi poste la ĝustajn prezojn :

INSIGNOJ :

| | | |
|---|---|---|
| Nº 1 kostas F. 2,50 | anstataŭ F. 2,— |
| Nº 4 » 3,75 | » 3,— |
| Nº 7 » 3,— | » 2,75 |
| Nº 11 » 2,50 | » 2,— |
| Nº 9 » 3,75 | » 3,50 |

AUTOGRAFLIBRETOJ. F. 10,— kaj F. 12,—



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.